## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Centra Oficejo: 12, Boulevard du Theâtre, Genève (Svislando)**

*Universala Esperanto-Asocio* celas:

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

*Universala Esperanto-Asocio* konsistas:

El sepmil membroj diverslandaj.

El 1.200 Delegitoj kaj Vicdelegitoj en la ĉefaj lokoj, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.

El Komitato, elektita de la Delegitoj, el Centra Oficejo, el teritoria organizo, ktp.

*Universala Esperanto-Asocio* laboras:

Por konstrui centron de esperantista agado bone ordigita kaj forta. Konsiderante, ke internacia organizo estas necesa al lingvo internacia la lasta kongreso oficialigis U. E. A. kiel la tutmondan organizaĵon de individuaj esperantistoj.

## ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

**Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza)**

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.

Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.

Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.

Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.

La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1.200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.

En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

3.ª Epoko * N.º 110 Julio * 1926

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## VIª Nacia Kongreso de Esperanto en Madrido

En nia antaŭa numero ni komencis publikigi la raportojn, dokumentojn kaj interesajn sciigojn pri la Kongreso, sed tial ke unu sola numero de nia gazeto estas nesufiĉa por enteni ĉiujn, en la nuna kaj sekvontaj ni daŭrigos ilian publikigadon.

### PREDIKO PRI LA SANKTEGA TRIUNUO

*Euntes ergo, docete omnes gentes, baptizantes eos in nomine Patris et Filii et Spiritus Sancti:* Irante do instruu ĉiujn naciojn, baptante ilin je la nomo de l' Patro kaj de l' Filo kaj de l' Sankta Spirito. Mat. 28, 19.

Karegaj kunfratoj en la Sanktega Koro de Jezuo: Estis malbonaj kredantoj en la unuaj jarcentoj de la starigo de la Eklezio, kaj eĉ nuntempe ekzistas, kiuj opinias, ke kelkaj ordonoj de Dio estas nefareblaj, kaj kelkaj religiaj misteroj estas nekredeblaj; ĉar ili eble pensis nur pri la homa, makulita, falita kaj senpotenca naturo, ne pri la potencega povo de Dio. Sendube, inter la ordonoj de Dio estas

## VI Congreso Nacional de Esperanto en Madrid

En el número anterior comenzamos a publicar las reseñas, documentos y noticias de interés relativos al Congreso; pero como un número solo de nuestro periódico es insuficiente para contenerlos todos, en el presente y siguientes continuaremos su publicación.

### SERMON DE LA SANTISIMA TRINIDAD

*Euntes ergo, docete omnes gentes, baptizantes eos in nomine Patris et Filii et Spiritus Sancti:* Id, pues, enseñad a todas las naciones, bautizándolas en el nombre del Padre y del Hijo y del Espiritu Santo. Mat. 28, 19.

Queridísimos hermanos en el Sagrado Corazón de Jesús. Hubo malos creyentes en los primeros siglos del establecimiento de la Iglesia, y aún hoy existen, quienes pensaron que algunos Mandamientos de Dios eran impracticables, y que algunos misterios de la Religión eran increíbles, porque acaso ellos sólo pensaron en la naturaleza humana manchada, caída e impotente, y no en el inmenso poder de

kelkaj, kiuj kontraŭstaras nian fierecon, nian malhumilecon, nian memamon: tia estas: *Docete omnes gentes:* Instruu ĉiujn naciojn. Certe la Fido eniras en la menson per la aŭditaĵaro, *Fides ex auditu;* kaj la aŭditaĵaro per la vorto de Kristo, *Auditus autem per verbum Christi;* kaj la vorto de Kristo devas esti alparolita de Predikanto, *Quomodo audient sine predicante.* Sed kiel la Predikanto povus klarigi la Evangelion al ĉiuj nacioj, se li ne konus ĉies lingvojn? Kiel ni povus instrui ilin ĉiujn, se ni ne komprenus unu la alian? Sed per la Dia helpo, kiu estas ĉiopova kaj senlima, ni ĉiuj povas plenumi ĉiujn ordonojn, laŭ la vortoj de la Apostolo: *Omnia possum in eo, qui me confortat:* Mi povas ĉion, per tiu, kiu min fortigas. Estas ankaŭ kelkaj misteroj, kiuj ŝajne, rimarku bone, ŝajne malleviĝas la supermezuran kapablon de nia intelekto, la senlimajn aspirojn de nia menso, kaj la subtilajn argumentojn de nia rezonado; al tiaj apartenas sendube tiu de la Sanktega Triunuo. Sed hodiaŭ mi sentiĝas duoble feliĉa, ĉar mi povas, parolante al vi esperantlingve, pruvi ĝis evidenteco, ke mi povas senmirakle instrui ĉiujn naciojn, kaj ankaŭ kapablas klarigi al vi la gloregan misteron de la Sanktega Triunuo, se vi min helpas, alvokante la helpasiston de la Sanktega Virgulino, kiun ni riverence salutos per la vortoj de la Ĉefanĝelo: Saluton, Mario.

*Euntes ergo, docete omnes gentes...*

Irante do instruu ĉiujn naciojn...

Karegaj kunfratoj en la Sanktega Koro de Jezuo: La festo de la Sanktega Triunuo estas la celo kaj la plenumado de ĉiuj festoj de la Eklezio; ĝi estas la precipa kaj unua objekto de la kulto, kiun oni

Dios. Es indudable que, entre los Mandamientos de Dios, hay algunos que contrarían nuestro orgullo, nuestra soberbia, nuestro egoísmo; tal es: *Docete omnes gentes:* Enseñad a todas las naciones. Ciertamente que la fe entra en nuestra alma por lo que se oye, *Fides ex auditu;* y lo que se oye, por la palabra de Cristo, *Auditus autem per verbum Christi*, y la palabra de Cristo debe ser anunciada por el predicador: *Quomodo audient sine Prediente.* ¡Ved cómo podría el predicador explicar el Evangelio a todas las naciones, si él no supiera las lenguas de todas! ¿Cómo podríamos enseñar a todas ellas, si no nos entendiésemos unos a otros? Pero con el auxilio de Dios, que es omnipotente e ilimitado, todos nosotros podemos cumplir todos los Mandamientos, según las palabras del Apóstol: *Omnia possum in eo, qui me confortat.* Todo lo puedo en Aquél que me conforta. Hay también algunos misterios que aparentemente, notadlo bien, aparentemente humillan la inconmensurable capacidad de nuestro entendimiento, las ilimitadas aspiraciones de nuestra mente, los sutiles argumentos de nuestro razonamiento; a tales misterios pertenece, sin duda, el de la Santísima Trinidad. Pero yo me siento hoy doblemente feliz porque, hablándoos en Esperanto, puedo probar hasta la evidencia que puedo, sin milagro, enseñar a todas las naciones, y también soy capaz de explicaros el gloriosísimo misterio de la Santísima Trinidad, si me prestáis vuestra ayuda, invocando la asistencia de la Santísima Virgen, a quien reverentemente saludaremos con las palabras del Arcángel: «Dios te salve, María».

*Euntes ergo, docete omnes gentes...*

Id, pues, enseñad a todas las naciones...

Queridísimos hermanos en el Sagrado Corazón de Jesús: la fiesta de la Santísima Trinidad es el fin y la consumación de todas las fiestas de la Iglesia; es el objeto principal y primitivo del culto, que se

oferdonas al la Adorinda Triunuo, Unu Dio en Tri Personoj; ĉar, ĉio, kion ni riverencas ĉe la Ekleziaj festoj, ĉu en la Sanktuloj, ĉu en la Homigo de Jezukristo, ĉu en la mirindaĵoj de la Sanktega Virgulino, estas ilo, kiu nin suprenlevas por honori kaj adori la Sanktegan Triunuon: Unu Dio en Tri Personoj, reale diferencaj inter si, kiuj, havante nur la saman naturon, havas ankaŭ la saman Diecon; Ĉiu estas Dio, kaj estas nur unu Dio en tiuj ĉi Tri Diaj Personoj. La Filo ne estas la Patro, kvankam Li estas samaĵo kun la Patro. La Sankta Spirito estas nek la Patro nek la Filo kvankam ĉiuj Tri estas nur Sanktega, Simplega kaj treege nedividebla Spirito. La Filo Estas tiel potenca, kiel la Patro; la Sankta Spirito estas same tiel potenca kaj tiel saĝa, kiel la Patro kaj la Filo, kaj tamen la Tri kune havas nek pli da potenco, nek pli da saĝeco, ol tiun, kiun ĉiu sola havas en ĉi tiu Adorinda Triunuo; Ĉiuj Tri havas la saman daŭradon, la saman povon, la saman senmezuron. La unua Persono naskas la Duan, ne havante pro tio eĉ ian plibonaĵon super Li, nek rangan, nek antikvecan; la Tria Persono devenas de la aliaj Du, kaj tamen estas, por tiel diri, samaĝa. En la Patro, naski estas perfektaĵo; en la Filo, kunagi kun la Patro por la deveno de la Sankta Spirito, estas same perfektaĵo; tiuj du perfektaĵoj ne troviĝas en la Tria Persono, kaj tamen Li ne estas malpli perfekta, ol la aliaj Du; en ĉi tiu mistero ĉio estas egala perfektece, indece, povece kaj majestece; ĉio estas nekomprenebla, kaj tial nedubebla; ĉar, se ĉi tiu Suverena kaj Superega Estaĵo, se ĉi tiu nekreita kaj senfina Estaĵo povus esti komprenita de la kreita spirito, de spirito tiom malgranda, tiom limigita, kiom la nia, tial kaj tiel Li ne estus Dio. Kio? Ĉu tiu ĉi spirito tiom malgranda, kies kapabloj estas tiel senpovaj, ke ĝi ne scias eĉ la plej komunajn aĵojn, nek sin mem povas kompreni, nek la plej malgrandaĵon el la faritaĵaro de la Kreinto, povos kompreni la manieron esti de ĉi tiu senfina Estaĵo, kiu, por tiel diri,

ofrece al misterio adorable de la Santísima Trinidad, un sólo Dios en Tres Personas; porque todo lo que se venera en las fiestas de la Iglesia, ya sea en los Santos, ya en la Humanidad de Jesucristo, ya en las maravillas de la Santísima Virgen, es un medio que nos eleva para honrar y adorar a la Santísima Trinidad. Un sólo Dios en Tres Personas, realmente distintas entre sí, que teniendo solamente una misma naturaleza, tienen igualmente la misma Divinidad. Cada una es Dios, y no hay más que un sólo Dios en estas Tres Divinas Personas. El Hijo no es el Padre, aunque es una misma cosa con el Padre. El Espíritu Santo no es el Padre ni el Hijo, aunque todos Tres no son más que un mismo Espíritu Santo, Santísimo, simplicísimo y sumamente indivisible. El Hijo es tan Poderoso como el Padre: el Espíritu Santo es igualmente tan poderoso y tan sabio como el Padre y el Hijo, y sin embargo, los Tres juntos no tienen ni más Poder ni más Sabiduría que la que tiene uno sólo en esta Adorable Trinidad. Todos Tres tienen la misma duración, el mismo Poder, la misma inmensidad. La Primera Persona engendra a la Segunda, sin tener por eso ventaja alguna sobre ella, ni de condición, ni de antigüedad. La Tercera persona procede de las otras Dos, y sin embargo, es, por decirlo así, de la misma edad. En el Padre, el engendrarse perfección; en el Hijo, es concurrir con el Padre a la procesión del Espíritu Santo, es perfección; estas dos perfecciones no se encuentran en la Tercera Persona, y sin embargo, ésta no es menos perfecta que las otras Dos. En este misterio todo es igual en perfecciones, en dignidad, en poder y en excelencia; todo es incomprensible, y, por lo mismo, indudable. Porque si este Ser Soberano y Supremo, si este Ser increado e Infinito pudiera ser comprendido por un espíritu criado, por un espíritu tan pequeño, tan limitado, como el nuestro, entonces y por lo mismo ya no sería Dios. ¿Qué? Este espíritu tan pequeño, cuyas luces son tan cortas, que ignora

plenelĉerpiĝas konante sin mem? Tiu ĉi mistero estas tiom pli kredebla, kiom ĝi estas pli nekomprenebla, diras la Aglo de la Doktoroj, Sankta Aŭgusteno. Oni vere komencas koni ion pri la Dia Grandeco, kiam oni konas la neeblecon, kiun ni havas por kompreni, kio Li estas, kaj kiel Li estas. Dio ordonis al mi, diras aliloke la sama Doktoro, ke mi kredu ĉi tiun nekompreneblan misteron; sed ne estas al mi permesate elserĉi ĝin. Tiu-ĉi veraĵo montras evidentece, kiom necesa estas la fido en religiaj aferoj.

Unika Dio en Tri Personoj: jen la sumo kaj kompendio de nia Kredo, diras la plej fama kaj elokventa el la kristanaj oratoroj, la Krisostomo: Tio estas la fundamento de nia Religio, la karaktero de nia profesio, la plej majesta el niaj misteroj. Ĉi tiuj tri vortoj, je la nomo de l' Patro, kaj de l' Filo, kaj de l' Sankta Spirito entenas la fundamenton kaj trezoron de nia fido; el ili faris la Savinto de la mondo esencan parton de la unua el ĉiuj Sakramentoj, kaj volis, ke ili eniru en la kunmetadon de preskaŭ ĉiuj aliaj.

La unua Eklezio uzadis ilin kiel publikan kaj universalan devizon por distingi la fidelulojn de la nekredantoj; kaj por nin firmigi en la Ekleziaj sentoj, ni metas tiujn vortojn komence de ĉiuj niaj agoj, por ke ili estu atestantoj de la kulto, kiun ni donas al la Adorinda kaj Sanktega Triunuo; tial ni rigardas ĉi tiun fidon, diras Sankta Aŭgusteno, kiel la plej valoran trezoron de la Eklezio. Ĉi tiu fido justigas la pekintojn, sanktigas la justulojn, baptigas la kateĥumenojn, kronigas la martirojn, konsakrigas la pastrojn, kaj savigas la mondon. Kredi je unu Dio en Tri Personoj, kaj pro la multigo de Personoj ne multigi la Dian naturon, kiu estas sendivide la sama en la Tri, nek pro la distingado okazigi la plej

hasta las cosas más comunes, ni puede comprenderse a sí mismo, ni la menor de las obras del Criador, podrá comprender la manera de ser de este Ser Infinito, que se agotá, por decirlo así, conociéndose a sí mismo. Este misterio es tanto más creíble, cuanto es más incomprensible, dice el Aguila de los Doctores, San Agustín. Se empieza verdaderamente a conocer algo de la grandeza de Dios, cuando conocemos la imposibilidad que tenemos para comprender lo que El es, y cómo es. Dios me ha mandado, dice en otro lugar el mismo Doctor, que crea este incomprensible misterio, pero no me es permitido escudriñarle. Esta verdad muestra hasta la evidencia, cuán necesaria es la Fe en materias Religiosas.

Un sólo Dios en Tres Personas: he aquí la suma y compendio de nuestra Fe, dice el más célebre y elocuente de los oradores cristianos, el Crisóstomo: es el fundamento de nuestra Religión, es carácter de nuestra profesión, el más augusto de nuestros misterios. Estas tres palabras: En el nombre del Padre, y del Hijo, y del Espíritu Santo, encierran el fundamento y tesoro de nuestra creencia; de ellas hizo el Salvador del mundo una parte esencial del primero de todos los Sacramentos, y quiso que entrasen en la composición de casi todos los otros.

La primitiva Iglesia las usaba como un sello público y universal para distinguir a los fieles de los no creyentes; y para confirmarnos a nosotros con los sentimientos de la Iglesia, ponemos estas palabras a la cabeza de todas nuestras acciones para que sean el testimonio del culto que damos a la adorable y Santísima Trinidad: por lo cual miramos esta Fe—dice San Agustín—, como el más precioso tesoro de la Iglesia. Esta es la Fe que justifica a los pecadores, santifica a los justos, bautiza a los catecúmenos, corona a los mártires, consagra a los sacerdotes y salva al mundo. Creer en un sólo Dios en Tres Personas, sin que la multiplicación de Personas multiplique la Naturaleza Divina, que es indivisiblemen-

malgrandan malsamecon en la perfektaĵoj, kiuj estas samaj en la Tri Diaj Personoj, estas nia Fido, kaj la fundamento de nia espero, diras la Sanktaj Patroj, estas la komenco de ĉiu sankteco, kaj, laŭ la esprimo de la Trenta Koncilio, estas la origino kaj radiko de ĉiu nia justigado. Ĉi tiu estas tiu mistero superega kaj nekompreneblega al ia nekreita intelekto, malkaŝota nur al la filoj de la Nova Interligo. Dio sin konigis al la Israelidoj, sed nur, por tiel diri, malkovris al ili sian nomon; Li konigis al ili, kiu Li estas, Ĉiopova, Senlima, Eterna; sed la kono de tio, kio estas Dio, la Triunuo de Personoj substance kunigitaj en unueco de naturo, la eterna naskado de la Vorto, la eterna procedado de la Sankta Spirito, la identeco de la naturo en la Sankta Spirito, en la Filo kaj en la Patro, estis sekreto gardita en la Diaj internaĵoj por popolo ankoraŭ pli amata, por la disĉiploj de la Savinto de la mondo. Estis necese ankaŭ, ke la Sankta Spirito estus malsuprenveninta el la ĉielo por lumigi per sia Dia lumo spiritojn nature nekapablajn suprenlevi la vidon tiel alten, kaj ke la supernatura nomo de la fido estus submetinta la intelektojn al la sklaveco sub la obeado de Jezukristo kaj de Lia Religio.

Ĉi tiu neparolebla mistero, ĉi tiu adorinda mistero estas malkovrita, kaj la tuta mondo estas ĝin kredinta, kvankam ĝi estas nekomprenebla al la kreita intelekto. La Judoj, la Romanoj, la Grekoj, la Azianoj, la Eŭropanoj la Afrikanoj kaj la Amerikanoj estas akceptintaj ĉi tiun Kredon; la tuta terrondo estas konfesinta, ke estas nur unu Dio, kvankam estas Tri Diaj Personoj; ke la Patro distingiĝas de la Filo; ke la Patro kaj la Filo distingiĝas de la Sankta Spirito; kvankam ĉiuj Tri havas la saman Diecon, kaj la saman Dian Naturon; ke ĉiuj Tri estas saĝaj, ĉiuj Tri estas senlimaj, ĉiuj Tri estas eternaj, kaj tamen ili Tri havas la saman saĝecon,

te la misma en las Tres, y sin que la distinción ocasione la menor desigualdad en las perfecciones, las cuales son las mismas en las Tres Divinas Personas, es nuestra Fe y el fundamento de nuestra esperanza, dicen los Santos Padres; es el principio de la santidad, y según la expresión del Concilio de Trento, es el origen y la raíz de toda nuestra justificación. Este es aquel misterio sublime e impenetrable a todo entendimiento criado, que había de ser revelado solamente a los hijos de la Nueva Alianza. Dios se dió a conocer a los israelitas, pero solamente, por decirlo así, les manifestó su nombre. Él les reveló quién era, Omnipotente, Inmenso, Eterno; pero, el conocimiento de lo que es Dios, la Trinidad de personas substancialmente unidas en la unidad de naturaleza, la generación eterna del Verbo, la eterna procesión del Espíritu Santo, la identidad de naturaleza en el Espíritu Santo, en el Hijo y en el Padre, era un secreto reservado en las Divinas entrañas para un pueblo todavía más amado, para los discípulos del Salvador del mundo. Era necesario también que el Espíritu Santo hubiese bajado del cielo para iluminar con su Divina luz a unos espíritus naturalmente incapaces de llevar su vista más arriba, y que el nombre sobrenatural de la Fe hubiese sometido los entendimientos a la esclavitud bajo la obediencia de Jesucristo y de su Religión.

Este misterio inefable, este misterio adorado ha sido revelado, y todo el universo le ha creído, por incomprensible que sea al entendimiento criado. Los Judíos, los Romanos, los Griegos, los Asiáticos, los Europeos, los Africanos y los Americanos han abrazado este Fe; todo el mundo ha confesado que no hay más que un solo Dios, aunque haya Tres Divinas Personas; que el Padre se distingue del Hijo, que el Padre y el Hijo se distinguen del Espíritu Santo, aunque todos Tres tienen la misma Divinidad y la misma Naturaleza Divina; que todos Tres son sabios, todos Tres inmensos, todos Tres eternos, y sin embargo, no tienen

la saman senlimecon, la saman eternecon; ke ĉiuj Tri estas egale potencaj, egale bonaj, egale kompatemaj, havante saman potencon, saman bonecon, saman kompatemecon; ke ĉiuj Tri estas obeindaj, kvankam ni havas nur unu Sinjoron kaj unu Majstron; ke la Patro ne havas komencon, ke la Filo estas naskita de la Patro, ke la Sankta Spirito ne estas naskita de la Patro kaj de la Filo, sed procedita, kaj tamen ne estas antaŭeco, nek superhonorindeco inter la Diaj Personoj. Kiu donus al mi, ke mi havus la jarojn de mia juneco, kaj la fidon, kaj la entuziasmon por enradikigi en viajn korojn la belan, internacian, helpan lingvon, Esperanto, kaj la kredon en ĉi tiun Sanktegan kaj adorindegan misteron, por ke vi iru tra la tuta mondo kredante, anoncante kaj klarigante ĝin al ĉiuj nacioj!... Sed nun estas sufiĉe; mi finu. La unueco de Dio montras la unuecon de nia adorado al Dio; kaj adorante la Filon, ni adoras la Sanktan Spiriton kaj la Patron. Ĉi tiu mistero estas la precipa celo de nia kredo, la kompendio plej superaltega kaj plej adorindega el ĉiuj niaj misteroj, kaj la speciala objekto de la solena hodiaŭa festo: kredu do ĉi tiun misteron, karegaj kunfratoj en la Sanktega Koro de Jezuo, kaj mi certigas al vi, ke vi estas sur la vojo de la eterna savo, kiun mi deziras al vi ĉiuj dum jarcentoj da jarcentoj: je la nomo de l' Patro, kaj de l' Filo, kaj de l' Sankta Spirito. Amen Jezuo.

MARIANO MOJADO, *Pastro.*

más que una misma sabiduría, una misma inmensidad, y una misma eternidad; que todos Tres son igualmente poderosos, igualmente buenos, e igualmente misericordiosos, teniendo un mismo poder, una misma bondad y una misma misericordia; que a todos Tres se debe igual obediencia, aunque no tenemos más que un sólo Señor y un sólo Maestro; que el Padre no tiene principio, que el Hijo es engendrado por el Padre, que el Espíritu Santo no es engendrado, sino que procede del Padre y del Hijo, sin que haya anterioridad ni preeminencia entre las Divinas Personas. ¡Quién me diera que tuviese yo los años de mi juventud, y la Fe y el entusiasmo para arraigar en vuestros corazones la hermosa lengua internacional auxiliar Esperanto, y la Fe en este Santísimo y adorabilísimo misterio, para que fuéseis por todo el mundo creyéndole, anunciándole y explicándole a todas las naciones...!, pero, por ahora, es bastante; voy a terminar. La unidad de Dios muestra la unidad de nuestro culto a Dios; y adorando al Hijo, adoramos al Espíritu Santo y al Padre. Este misterio es el principal artículo de nuestra creencia, el compendio más sublime y más adorable de todos nuestros misterios, y el objeto particular de la solemne fiesta de este día. Creed, pues, este misterio, queridísimos hermanos en el Sagrado Corazón de Jesús, y yo os aseguro que estáis en el camino de la eterna salvación, que yo deseo a todos vosotros por los siglos de los siglos, en el Nombre del Padre, y del Hijo, y del Espíritu Santo. Amén, Jesús.

MARIANO MOJADO, *Pbro.*

## VIZITO DE LA KONGRESANOJ DE ESPERANTO

### al la radio-senda stacio «Unión Radio» el Madrido dum la posttagmezo de la 2ª de junio 1926ª

La duonhoro de la 6ª ĝis la 6'30 difinita al la Esperanta kurso, kiun klarigas per radio la klera pastro Mariano Mojado, estis tre bone profitita, kaj oni radiis kel-

## VISITA DE LOS CONGRESISTAS DE ESPERANTO

### a la estación radio-emisora «Unión Radio», de Madrid, en la tarde del 2 de junio de 1926

La media hora de 6 a 6'30 dedicada al curso de Esperanto, que explica por radio el ilustrado presbítero D. Mariano Mojado, fué muy bien aprovechada, ra-

kajn vortojn prononcitajn de ĉiu el la multaj esperantistoj tie ĉeestantaj.

Komencis la profesoro de la kurso salutante la radio-aŭdantojn, precipe la telegrafan Ĉefon de Trujillo, al kiu li tion estis promesinta, anoncante la someran kurson, kiun li klarigos per lernolibro Soler Valls, ankaŭ telegrafisto el Valencio, kun la praktikaj ekzercoj de sinjoro Mangada, kaj klarigante la signifon de finiĝo *a*.

Daŭrigis lia Moŝto S-ro. D-ro. Cortezo, parolante pri finiĝo *e*, per saĝaj kaj trafaj observoj. Poste fraŭlino Mario Franco klarigis finaĵon *i;* S-ro. Soler la *o* kaj S-ro. Luna la *u*. La aliaj ecoj kaj kelkaj ĝustaj prijuĝoj pri la lingvo internacia estis fiksitaj per mallongaj paroladoj de S-roj. Inglada, staba leŭtenanto-kolonelo; Flores, artileria kapitano; S-ino. Sebastiá, lernintino aprobita en la lasta kurso, kaj la esperantistoj delegitoj de la diversaj regionoj el Hispanujo S-roj. Maynar, Azorín, Santamarina, Piñó, Rocamora, Maraury, Otaola, Lunate, Máñez, de Pablo kaj aliaj.

Parolis ankaŭ en Esperanto S-ro. Teo Yung, germano; Berger, ĉekoslovako kaj Henrique, Leŭtenanto el la portugala mararmeo.

S-ro. del Palacio, filo de la glora poeto Emanuelo, eldiris la konatan soneton verkitan de tiu-ĉi, titolitan *La Milito*, kies tradukon ĝustan per alia soneto en Esperanto legis ĝian aŭtoron, Majoro Mangada.

La parolisto (Speaker) finis la disaŭdigon per belaj frazoj, rekomendante la lernadon de Esperanto, konciza idiomo kiu devas esti la kompletigo de la radiotelefonaj komunikoj tutmondaj kaj, kiel tiuj-ĉi, vera interligilo paca kaj unuiga inter la diverslanda loĝantaro, hodiaŭ apartigita precipe pro la nekompreno kaŭzita de la malsameco de idiomoj.

Ĉiuj parolantoj estis tre aplaŭditaj kaj finis la kunveno per entuziasmaj huraoj,

diándose algunas palabras pronunciadas por cada uno de los muchos esperantistas allí presentes.

Empezó el profesor del curso, saludando a los radio-oyentes, principalmente al Jefe de Telégrafos de Trujillo, a quien así se lo había prometido, anunciando el curso de verano, que va a dar por el método Soler Valls, también telegrafista de Valencia, con los ejercicios prácticos del Sr. Mangada, y explicando el significado de la final *a*.

Siguió el Excmo. Sr. Dr. Cortezo, hablando de la final *e*, con sabias y acertadísimas observaciones. Luego la señorita María Franco explicó la terminación *i;* el Sr. Soler la *o* y el Sr. de Luna la *u*. Las demás cualidades y algunos felices conceptos respecto a la lengua internacional, quedaron fijadas en breves discursos por los Sres. Inglada, Teniente Coronel de E. M.; Flores, Capitán de Artillería; Sra. Sebastiá, alumna aprobada del último curso y los delegados esperantistas de las distintas regiones de España Sres. Maynar, Azorín, Santamarina, Piñó, Rocamora, Maraury, Otaola, Lunate, Máñez, de Pablo y otros.

Hablaron también en Esperanto el Sr. Teo Yung, alemán; Berger, checoeslovaco, y Henrique, Teniente de la Marina portuguesa.

El Sr. del Palacio, hijo del insigne poeta D. Manuel, recitó el célebre soneto de éste titulado *La guerra*, cuya traducción perfecta en otro soneto en esperanto leyó su autor, el Comandante Mangada.

Terminó la sesión el locutor (speaker) con unas hermosas frases, recomendando el estudio del Esperanto, conciso idioma que ha de ser el complemento de las comunicaciones radiotelefónicas mundiales y, como éstas, un lazo efectivo de paz y unión entre los habitantes de todos los países, hoy separados más que nada por la incomprensión que produce la diversidad de idiomas.

Fueron muy aplaudidos todos los oradores y terminó el acto dándose vivas,

kiuj disflugis per ondoj tra la senfina etero, por la hispana lingvo, por Esperanto kaj por la *Unión Radio*, kies bonegaj ecoj kaj la neniam sufiĉe bone dankita afableco de ĝia direktoro, permesis la efektivigon de la festo, tiel bela kiel tiu ĵus raportita.

que se difundieron en ondas por el éter infinito, a la lengua española, al Esperanto y a la *Unión Radio*, cuyas magníficas características y la nunca bastante bien agradecida afabilidad de su Director, permite la celebración de una fiesta tan hermosa como la reseñada.

## PAROLADO de S-RO. VINCENTO ALONSO

### EN LA FERMA KUNSIDO

Via Ministra Mosto, sinjoro Prezidanto, Gesamideanoj: Mi stariĝas por dediĉi pian rememoron al ĉiuj esperantistoj, kiujn de la komenco de nia movado ĝis nun la morto forrabis el niaj vicoj. Multaj, multegaj estas tiuj batalantoj malaperintaj por ĉiam, post kiam ili suferis kuraĝegaj sentime la mokojn, ridojn kaj kontraŭstaron de ŝercemulaĉoj, fispritulaj kaj malhelpantoj de ĉiu idealo nobla kaj bonhomara. Vere, niaj unuaj pioniroj jam mortintaj estis la martiroj, kiuj volonte, pace, senplende kaj sankte, oferis siajn vivojn por nia sankta celo, kiu estas: la reunuiĝo de l' homaro en unu granda kaj sola kunfrataro.

Ĉar estas neeble enlistigi ĉi tie la nomojn de ĉiuj antaŭe menciitaj malaperintoj, mi mencios nur kelkajn eksterlandanojn, tianjn kiajn nian gloran Majstron Ludoviko Zamenhof, elpensinto de la lingvo; S-rojn. L. Einstein, la unua energia propagandisto de nia ideo, precipe en Germanujo; Jozefon Wasniewski en Polujo; Trompeter (Germanujo), kiu prenis sur siajn sultrojn la tutan aferon esperantan, kiam ĝi troviĝis en la plej malfacilaj cirkonstancoj; Vander-Biest, aranginto kaj Prezidinto de la VII^a^ Universala Kongreso (en Antwerpen), Hector Hodler, fondinto de Universala Esperanto Asocio, kaj malavara donacinto, testamente, al la Asocio (kies donaco konsistis el pli ol 100.000 svisaj frankoj); Pastron Peltier, fondinto de la revuo *Espero Ka-*

## DISCURSO DE D. VICENTE ALONSO

### EN LA SESIÓN DE CLAUSURA

Excmo. señor Ministro, señor Presidente, Correligionarios: Me levanto para dedicar un piadoso recuerdo a todos los esperantistas a quienes desde el comienzo de nuestro movimiento, hasta ahora, la muerte arrebató de nuestras filas. Muchos, muchísimos son aquellos luchadores desaparecidos para siempre después de haber sufrido con valentía y sin temor las burlas, risas y oposiciones de bromistas sin gracia, ingenios sin agudeza y enemigos de todo ideal noble y bienhechor de la humanidad. Verdaderamente, nuestros primeros luchadores, ya fallecidos, fueron los mártires, que voluntariamente, en paz, sin queja y santamente sacrificaron sus vidas en aras de nuestra santa causa, que es: la reunión de la humanidad en una grande y sola confraternidad.

Por ser imposible relacionar aquí los nombres de todos los anteriormente mencionados desaparecidos, mencionaré solamente algunos extranjeros, tales como nuestro glorioso Maestro Ludoviko Zamenhof, inventor de la lengua; señor L. Einstein, el primer enérgico propagandista de nuestra idea, principalmente en Alemania; Josefo Wasniewski, en Polonia; Trompeter (Alemania), que tomó a su cargo todo el asunto esperantista cuando éste se encontraba en las más difíciles circunstancias; Vander-Biest, organizador y Presidente del VII Congreso Universal (en Amberes. 1911); Héctor Hodler, fundador de *Universala Esperanto Asocio* (Asociación Esperantista Universal) y generoso donante, en testamento, a la Asociación (el donativo con-

*tolika* kaj pastron Richarson, kaj sinjoron Colás, kiuj daŭrigis kuraĝe la laboron de pastro Peltier, kaj niajn samnacianojn, S-ron. Rikardo Kodorniu, unua Prezidanto, mi kredas, de Hispana Societo por propagando de Esperanto; Jiménez Loira, fondinto de La Suno Hispana; Trinidad Soriano, animo de la organizado esperantista en Andaluzio kaj Prezidinto de Hispana Societo; San Millán Alonso, Prezidinto de la Grupo Esperantista en Madrid, verkisto kaj inspirata poeto; Emilo Gastón organizinto de la Aragona Esperantistaro kaj protektanto de la Austriaj georfoj tuj post la milito, kiuj dank' al liaj klopodoj estis gastigataj kaj zorge flegataj de privataj hispanaj familioj; Julián Herrera, unu el la unuaj pioniroj en Burgos; la junulon David Maynar, kiu estis tre valora promeso por nia movado kaj multajn aliajn kiuj ne atingis pro morto la celon revitan.

sistió en más de 100.000 francos suizos); sacerdote Peltier, fundador de la revista *Espero Katolika* (Esperanza Católica), y sacerdote Richarson y Sr. Colás, quienes continuaron valientemente la labor del sacerdote Peltier, y nuestros paisanos D. Ricardo Codorníu, primer Presidente, creo, de *Hispana Societo* (Sociedad Española) para propaganda de Esperanto; Jiménez Loira, fundador de La Suno Hispana (el Sol de España); Trinidad Soriano, alma de la organización esperantista en Andalucía y Presidente de *Hispana Societo;* San Millán Alonso, Presidente del Grupo Esperantista en Madrid, escritor e inspirado poeta; Emilio Gastón, organizador de los esperantistas aragoneses y protector de los huérfanos austriacos, inmediatamente después de la guerra, quienes, gracias a sus esfuerzos, fueron hospedados y cuidadosamente asistidos por particulares familias españolas; Julián Herrera, uno de los primeros propagandistas en Burgos; el joven Maynar, que era una promesa de mucho valor para nuestro movimiento y muchos otros que no alcanzaron, a causa de la muerte, el fin soñado.

Ripozu ĉiuj pace!...

Mi proponas, kaj fervore petas al vi, ke por honori ilian memorom ni stariĝu dum momento.

Kaj nun, post la malgaja sed kortuŝa rememoro dediĉita al niaj mortintoj, permesu ke mi diru al vi, alvenintoj el eksterlando kaj el ĉiuj partoj el nia Patrujo, ke mi deziras, je tuta mia koro, ke via restado en Madrido, dum la Kongresaj tagoj, estu por vi neforgesebla kaj agrabla rememoro, same kiel ni, la Madridanoj, konservos en niaj koroj, kun granda danko, la honoron faritan al ni, per via ĉeesto inter ni, dum ĉi tiu mallonga sed ĉiam memorinda tempo. Portu ankaŭ niajn korajn salutojn al ĉiuj samideanoj, samurbanoj viaj, kiuj ne povis veni, sed certe estis spirite kun ni dum la VIª Nacia Kongreso. Akceptu nian adiaŭon plej sinceran kaj revenu feliĉe en viajn respektivajn urbojn.

¡Descansen todos en paz!...

Propongo y con fervor os pido, que para honrar su memoria, permanezcamos de pie un momento.

Y ahora, después del triste pero emocionante recuerdo dedicado a nuestros muertos, permitidme que os diga, a los que habéis venido del extranjero y de todas partes de nuestra Patria, que deseo, con todo mi corazón, que vuestra permanencia en Madrid, durante los días del Congreso, sea para vosotros inolvidable y agradable recuerdo, igualmente que nosotros, los madrileños, conservaremos en nuestros corazones, con grande agradecimiento, el honor que nos habéis hecho con vuestra permanencia entre nosotros durante este corto, pero siempre inolvidable tiempo. Llevad también nuestro cordial saludo a todos los *samideanos* de vuestras mismas localidades, que no han podido venir, pero quienes cierta-

Kiel aldono, kaj kvankam tio povus esti konsiderata ne deca, mi altiras vian atenton al tiu modesta terlaboristo el Cheste, S-ro. Máñez, kiu post la ĉiutaga peniga, korpa laborado por gajni sian panon, restas tempon al ripozo kaj dormo por ĝin dediĉi al instruado de Esperanto al siaj samvilaĝanoj. Tio estas; tage, li kulturas la teron; vespere, li kulturas la animojn. Imagu, mi petas, la meriton kiun tiu kulturo anima havas por la celo de Esperanto. Miaflanke, mi diras, ke se mi havus povon, mi proponus lin por ke oni aljuĝu al li ian ordenon: ekzemple, la bonfaran Krucon aŭ Medajlon je la laboro. Kaj tial ke tio ne povas esti, mi kontentigas min cirkaŭbrakante lin tutkore, amike kaj samideane. Jam venos plej favoraj tempoj, kiam oni taksos pli bone la aferon esperantan. Konfide ni esperu kaj laboru.

Ni readiaŭas vin, samideanoj!...

VICENTE ALONSO.

mente en espíritu han estado con nosotros durante el VI Congreso Nacional. Aceptad nuestro *adiós* más sincero y volved con felicidad a vuestros respectivos pueblos.

Como adición, y aunque ésto pueda ser considerado como no procedente, llamo momentáneamente vuestra atención hacia ese modesto labrador de Cheste, Sr. Máñez, quien después de la penosa diaria labor corporal para ganar su pan, resta tiempo al descanso y al dormir para dedicarlo a la enseñanza del Esperanto a sus conciudadanos. Esto es: de día, cultiva la tierra; de noche, las almas. Imaginad, yo os ruego, el mérito que ese cultivo de las almas tiene para el objeto del Esperanto. Por mi parte digo, que si tuviera poder, le propondría para que se le diera alguna condecoración: por ejemplo, la Cruz de Beneficencia o la Medalla del Trabajo. Ya que eso no puede ser, me contentaré abrazándole de corazón, amigablemente y como *samideano*. Ya vendrán tiempos mejores en que se apreciarán mejor los asuntos esperantistas. Confiadamente esperemos y trabajemos.

Os vuelvo a decir *adiós*, *¡samideanos!*

VICENTE ALONSO.

## AL CERVANTES (1)

Al vi, la plej granda el la geniuloj, kiuj sin esprimis per la plej bela lingvo! Al vi, kies verkoj disvastiĝis tra la tuta mondo, diskonigante la harmonion de la Kastila lingvo kaj samtempe portante la dezirojn pri morala perfekteco, pri la triumfo de la justeco kaj de seninterrompa homa progreso! Al vi alkuras ni, la modestaj praktikantoj kaj propagandantoj de ilo por interkompreniĝado de popoloj kun popoloj, por kunfratiĝado inter la rasoj, por reciproka amo sub protekto de la Providenco; ĉar vi, estas kiu pli bone ol iu ajn simboligas niajn idealojn, kaj kiu pli bone povas kompreni, ke la lingvo, kiun ni volas disvastigi sur la Universo-Mondo, ne signifas la deziron malaltigi tiujn aliajn lingvojn, kiuj estis kaj estos en ĉiu popolo la peroj de l' arto, de la sciado kaj de la homa feliĉeco.

(1) Parolado de D-ro. Cortezo ĉe la Monumento al Cervantes.

# De Huesca

29 junio 1926.

Per la poŝta vagonaro alvenis hodiaŭ al Huesca la Prezidanto de la Aragona Esperantista Federacio sinjoro Manuel Maynar Barnolas, celante pritrakti kun S-ro. Josefo Artigas kaj la huesca esperantistaro — kiuj atendis lin ĉe la stacidomo — pri gravaj aferoj de aragona esperantismo.

Ili ĉiuj aŭdis Meson ĉe preĝejo Sankta Lorenzo, kaj vizitis la Provincestron sinjoro Emilo Amor Rolán, lerta esperantisto el Orense, kiu afablege akceptis ilin, kaj tie oni pritaktis pri tiuj aluditaj aferoj.

Ŝajnas tre eble ke, laŭ decido de la VIª Nacia Kongreso, du aragonaj esperantistoj estos komitatanoj de la Hispana Esperantista Asocio, kaj ke unu el ili estos hueskano, kvankam pri tiu temo mankas ankoraŭ aŭdi S-ron. Belenguer Nuez, el Teruel.

Ankaŭ oni intencas organizi esperantistan solenon en Huesca, prezidota de nia Provincestro, kaj kun la partopreno de kelkaj samideanoj hueskanaj, kaj en kiu ni kredas ĉeestos ankaŭ S-ro. Maynar Barnolas, kaj se eble S-ro. Belenguer Nuez.

S-ro. Artigas invitis S-ron. Maynar tagmanĝi hejme, kaj tiu-ĉi foriris Zaragozan, adiaŭita ĉe la stacidomo de la Provincestro, la Prokuroro de la Tribunalo S-ro. Alfonso kaj aliaj distinginduloj, kaj multenombraj samideanoj.

Tiuj-ĉi estas devigataj labori nun por efektivigi la projektojn, kion S-ro. Maynar dankos sendube ankoraŭ pli ol la ricevitaj regaloj.

# De Huesca

29 junio 1926.

En el correo de hoy ha llegado a Huesca el Presidente de la Federación Esperantista Aragonesa, D. Manuel Maynar Barnolas, al objeto de tratar con don José Artigas y demás esperantistas oscenses (que ya le esperaban en la estación), de importantes asuntos del esperantismo aragonés.

Todos han oído Misa en San Lorenzo y se han trasladado al Gobierno civil, donde inmediatamente han sido recibidos con la mayor cordialidad por el señor Gobernador, D. Emilio Amor Rolán, excelente esperantista de Orense, tratando ampliamente de los asuntos aludidos.

Parece ser que, según lo acordado en el VI Congreso Nacional, dos esperantistas aragoneses han de formar parte del Comité de la Sociedad Española, y pudiera ser que uno de los designados sea de Huesca, aunque acerca de este asunto ha de consultarse al Sr. Belenguer Nuez, de Teruel.

También se trata de organizar un acto esperantista solemne en Huesca, que se procuraría fuese presidido por el señor Gobernador, y en el que tomasen parte distintos oradores oscenses. En tal caso, se cuenta también con la asistencia del Sr. Maynar Barnolas, y, si es posible, del Sr. Belenguer Nuez.

El Sr. Artigas ha sentado a su mesa al Sr. Maynar, y este ha regresado a Zaragoza, despidiéndole en la estación los señores Gobernador civil, Fiscal de S. M., Sr. Alfonso, y otras personalidades y numerosos esperantistas.

Estos han de trabajar ahora por que los proyectos se realicen, cosa que el señor Maynar ha de agradecer seguramente más todavía que los agasajos de que ha sido objeto.

# 18ª Universala Kongreso de Esperanto

KAJ INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO

Edinburgo, 31 julio ĝis 7 aŭgusto 1926

## TRIA BULTENO

(Daŭrigo)

*Fakaj Kunvenoj.*

Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Ĝis nun malmultaj anoncis.

*Oratora Konkurso.*

Konkursontoj bonvolu avizi pri siaj intencoj partopreni.

*Tramveturoj.*

La LKK sukcesis fari financan aranĝon, laŭ kiu ĉiu Kongresano povos uzi senpage dum la Kongresa periodo, ĉiujn Edinburgajn tramveturilojn, kaj urbajn omnibusojn.

*Mendiloj por Loĝado, ktp.*

Jam senditaj al Kongresanoj ktp. Nericevintoj bonvolu peti mendilon rekte de la sekretarioj.

*Kongresa Fotografiĝo.*

Okazos mardon, 3 aŭgusto.

*Kongresaranĝoj.*

Aldone al informo citita en Bulteno 2ª, la LKK nun plezure anoncas, ke la internacie konata fortepianisto, sinjoro Jean Baptiste Toner, ludos solaĵojn ĉe dimanĉa koncerto.

*Akcepto ĉe Britaj Havenoj.*

Kongresanoj irontaj al iu el la jenaj havenoj, anoncu al la respektive nomataj samideanoj, sufiĉe longe antaŭtempe, la

# XVIII Congreso Universal de Esperanto

Y UNIVERSIDAD INTERNACIONAL DE VERANO

Edimburgo, 31 de julio al 7 de agosto 1926

## TERCER BOLETIN

(Continuación)

*Reuniones de Secciones.*

Los que hayan de organizarlas, sírvanse anunciar pronto sus deseos.

Hasta ahora se han anunciado pocos.

*Concurso de oratoria.*

Los concursantes tengan la bondad de avisar sobre sus propósitos de tomar parte en él.

*Locomoción.*

El Comité local ha logrado arreglar un contrato, según el cual, todo congresista podrá usar gratuitamente, durante el período del Congreso, todos los tranvías de Edimburgo y los ómnibus de la ciudad.

*Encargos de alojamiento, etc.*

Ya se han enviado hojas de petición a los Congresistas, etc. Los que no las hayan recibido, dígnense pedirlas directamente a los secretarios.

*Fotografías obtenidas del Congreso.*

Tendrán lugar el martes 3 de agosto.

*Preparativos.*

Hay que añadir al informe citado en el Boletín segundo, que el Comité anuncia ahora con gusto, que el pianista conocido internacionalmente Sr. Jean Baptiste Toner, tocará varios solos en el concierto del domingo.

*Recibimiento en puertos británicos.*

Los congresistas que hayan de pasar por alguno de los siguientes puertos, anuncien a los respectivos correligiona-

daton de alveno, por ricevi dum la trapaso ian helpon bezonatan:

rios que se citan, con suficiente anticipación, la fecha de llegada, para poder recibir a su paso el auxilio que puedan necesitar:

*London:* London Congress Comittee, c/o British Esperanto Association, 17 Hart Street, London, WC 1.
*Belfast:* F-ino. S. M'Cullough, 78 Earlswood Road, Strandtown, Belfast.
*Bristol:* S-ro E. M. Preston, «The Rosery», Westbury-on-Tryn, Bristol.
*Dover:* S-ro. W. Chitty, 51 Park Avenue, Dover.
*Dublin:* S-ro. T. P. Barry, 46 Caledonia Terrace, Haddington Road, Dublin.
*Folkestone:* S-ro. J. S. Clough, 62 Guildhall Street, Folkestone.
*Glasgow:* F-ino Yuille, 32 Minerva Street, Glasgow, C. 3.
*Grimsby:* S-ro. W. M. C. Nowell, 194 Farebrother Street, Grimsby.
*Hull:* S-ro. A. E. Hepton, 89ª Grafton Street, Hull.
S-ro. F. W. Coulson, ĉe Ŝipkompanio, «Wilson Line», Hull.
*Liverpool:* S-ro. J. D. Applebaum, 11 Mayville Road, Mossley Hill, Liverpool.
*Newcastle:* S-ro. A. R. Fairbairn, 21 St. Mary's Terrace, Ryton-on-Tyne.
*Southampton:* S-ro. R. N. Bruton, 14 Suffolk Avenue, Southampton.

---

## LASTAJ SCIIGOJ

*Ekzamenoj en Edinburgo.*

Dum la 18ª Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo la Internacia Instituto de Esperanto aranĝos ekzamenojn pri *studado* kaj *kapableco*, kondiĉe, ke anoncos sin almenaŭ dek kandidatoj. Laŭ la decido de la Instituto provizore ne plu estas donataj superaj (profesoraj) diplomoj kaj sekve de tio tia ekzameno ne estos aranĝata. La necesajn informojn oni trovas en *Esperanto* (n-ro. de majo 1924, paĝo 89). Oni bonvolu sin anonci ĉe la Internacia Instituto de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

*Karavano al Edinburgo.*

La *Mondunuiĝo por Internacia Trafiko kaj Kulturo* «Kosmopolit e. V.», Leipzig - Gohlis, Johann-Georg - Ŝtr. 24, Esp.-Sekcio, petas tiujn, kiuj intencas partopreni la Karavanon al Edinburgo, je baldaŭa sinanonco. Ju pli frue la aliĝoj alvenas des pli bone preparoj povas esti farataj.

*Ĉiuj gepartoprenontoj travojaĝantaj*

## ÚLTIMAS NOTICIAS

*Exámenes en Edimburgo.*

Durante el XVIII Congreso Universal de Esperanto en Edimburgo, el Instituto Internacional de Esperanto organizará exámenes sobre *estudio* y *capacidad*, con la condición de que se anuncien, por lo menos diez, candidatos. Según acuerdo del Instituto, por ahora no se darán ya diplomas superiores (de profesor) y, por consecuencia, no habrá exámenes de éstos. Los informes necesarios se encuentran en *Esperanto* (número de mayo 1924, pág. 89). Sírvanse anunciarse en el Instituto Internacional de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza).

*Caravana a Edimburgo.*

La *Unión mundial de Tráfico y Cultura Internacional*, «Kosmopolit e. V.», Leipzig - Gohlis, Johann-Georg - Str. 24, Sección Esperantista, ruega a quienes piensen tomar parte en la Caravana a Edimburgo, su pronto anuncio. Cuanto más pronto lleguen las adhesiones, tanto mejor pueden hacerse los preparativos.

*Todos los adheridos que pasen por*

*Hamburgon* sur la vojo al Edinburgo estos kore akceptataj.

La Hamburg-Altonaj Esperanto-klubanoj ĝojus sincere povi saluti la travojaĝantojn dum la vesperoj en la Restoracio *Alsterlust* aŭ dumtaĝe en la oficejo de la UEA-delegito *A. B. C. Senff*, Alsterdamm 17, Zimmer 414.

*Hamburgo* de camino para Edimburgo serán cordialmente recibidos.

Los miembros de los Clubs Esperantistas de Hamburgo-Altona se congratularían sinceramente de poder saludar a los pasajeros por las noches, en el Restorante *Alsterlust* o durante el día en la oficina del delegado de UEA, *A. B. C. Senff*, Alsterdamm, 17, Zimmer 414.

---

# SCIIGOJ

Laŭ la 5ª Bulteno de la Komitato de la XVIIIª Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo, la aliĝintoj ĝis 31 majo estas laŭ la nacieco: Angloj 220, Skotoj 128, Germanoj 32, Francoj 8, Poloj 7, Nederlandanoj 14, Aŭstroj 6, Ĉenoslovakoj 4, Kimroj 4, Italoj 3, Svisoj 2, Japanoj 2, Hispanoj 3, Usonanoj 5, Jugoslavo 1, Urugvajano 1, Irlandanoj 2, Finno 1, Braziliano 1, Ruso 1, Katalunoj 2, Dano 1, Hungaroj 3, Norvego 1.

---

Nia samideanino, Soprano Palmira Castellví, kiu bonege ludis la ĉefan rolon en la Esperanta Festo per Radio Barcelona, denove atingis grandan sukceson pro sia koncerto ĉe la Coliseo Pompeya, de Barcelono.

---

*Esperantista Societo «Nova Sento», el Barcelono.*—La 8an de la lasta majo okazis en tiu societo grava konferenco. La salono estis tutplena kaj la ĉeestantaro estis tre bone impresita pro la trafa parolado de nia amiko la profesoro sinjoro Arturo Doménech Mas.

La 10an oni malfermis novan kurson sub la gvido de S-ro. Doménech, kiu dum unu monato klarigis la plej elementajn partojn de la gramatiko.

La 7an de junio komenciĝis la Espe-

# NOTICIAS

Según el 5.º Boletín del Comité del XVIII Congreso Universal de Esperanto en Edimburgo, los adheridos hasta 31 de mayo son, según su nacionalidad: ingleses, 220; escoceses, 128; alemanes, 32; franceses, 8; polacos, 7; holandeses, 14; austriacos, 6; checo-eslovacos, 4; kimros, 4; italianos, 3; suizos, 2; japoneses, 2; españoles, 3; de los Estados Unidos, 5; yugoeslavo, 1; uruguayo, 1; irlandeses, 2; finlandés, 1; brasileño, 1; ruso, 1; catalanes, 2; daneses, 1; húngaros, 3; noruego, 1

---

Nuestra *samideana*, la soprano Palmira Castellví, que desempeñó admirablemente el primer papel en la Fiesta Esperantista celebrada por Radio Barcelona, de nuevo ha alcanzado un gran éxito por su concierto en el Coliseo Pompeya, de Barcelona.

---

*Sociedad Esperantista «Nova Sento», de Barcelona.*—El 8 de mayo último tuvo lugar en esta sociedad una importante conferencia. El salón estaba completamente lleno y la concurrencia quedó muy bien impresionada con el elocuente discurso de nuestro amigo, el profesor don Arturo Doménech Mas.

El 10, empezó un nuevo curso bajo la dirección del Sr. Doménech, que durante un mes ha explicado las partes más elementales de la gramática.

El 7 de junio comenzó el curso de

rantan kurso; ĝi estas plenĉeestata kaj ĝiaj lecionoj tre fruktodonaj. La novaj lernantoj estas 37.

Esperanto; éste se ve muy concurrido y sus lecciones son muy aprovechadas. Los nuevos alumnos son 37.

---

Estas multaj la hispanaj gazetoj, kiuj publikigis dum la monato junio longajn raportojn pri nia ĵus okazinta Kongreso en Madrido.

Inter ili estas: *Revista Popular* el Kordovo, *La Ribera Deportiva* kaj *El Galindo* el Baracaldo, kies artikoloj plenigas grandan lokon kaj sendube faros bonegan propagandon.

Son muchos los periódicos españoles que han publicado durante el mes de junio largas reseñas de nuestro recién celebrado Congreso en Madrid.

Entre ellas están: *Revista Popular* de Córdoba, *La Ribera Deportiva* y *El Galindo* de Baracaldo, cuyos artículos llenan un gran espacio y sin duda harán una excelente propaganda.

---

Ni havis la plezuron esti vizitataj de S-ro. Teo Jung, la klera ĉefredaktoro de *Heroldo de Esperanto*, kiu restis dum kelkaj tagoj en Valencio.

Post la Esperanta Kongreso de la Kataluna Federacio, en kies Floraj Ludoj li gajnis la naturan Floron, li ĉeestis la Nacian Kongreson en Madrido, kaj poste faris plezuran vojaĝon tra Hispanujo.

Li ankaŭ vizitis niajn entuziasmajn samideanojn el Cheste, kie li estis kore akceptata.

Ni varme deziras, ke lia restado ĉe ni estu estinta agrablega al li kaj ke li revenu feliĉege en sian hejmon.

Hemos tenido el gusto de ser visitados por el Sr. Teo Jung, el competente redactor-jefe de *Heroldo de Esperanto*, que ha permanecido algunos días en Valencia.

Después del Congreso Esperantista de la Federación Catalana, en cuyos Juegos Florales ganó la Flor natural, asistió al Congreso Nacional en Madrid, y luego ha realizado un viaje de recreo por España.

También ha visitado a nuestros entusiastas correligionarios de Cheste, donde fué cordialmente recibido.

Deseamos vivamente que su permanencia entre nosotros le haya sido muy agradable y que regrese felicísimamente a su hogar.

---

## LISTA COMPLEMENTARIA DE INSCRIPCIONES

### CONSEGUIDAS POR EL SUBCOMITÉ DE COOPERACIÓN EN BARCELONA Y PARA : CATALUÑA PARA EL VI CONGRESO NACIONAL DE ESPERANTO EN ESPAÑA :

*(La primera parte de esta lista consta ya publicada en el número 108, de mayo de 1926, de la revista* La Suno Hispana, *páginas 67 y 68).*

Núms.

74 Juan Mir Costa, Técnico electricista, Conanglell-Torelló (Barcelona).
75 «Aplech Esperanta Grupo», Sabadell (Barcelona).
76 Gregorio Bley Escolá, Técnico constructor, Sabadell.
77 Pedro Casanovas Manent, Sabadell.
78 José Pinell Mas, del Comercio.

Núms.

79 Juan Comadrán Dalmáu, Tipógrafo, Sabadell.
80 Antonio Costa Madurell, Industrial, Sabadell.
81 José Maruny, Abogado, Barcelona.
82 José Ducay Aguilera, Abogado, Barcelona.
83 Arturo Sedó Guichard, Industrial-Ingeniero, Barcelona.
84 José M. Pi y Suñer, Abogado, Jefe del Negociado de Ensanche del Ayuntamiento de Barcelona.
85 Adrián Vilalta Vidal, Abogado, Barcelona.
86 José M. Tapias, Secretario del Juzgado Municipal de San Ginés de Vilasar (Barcelona).
87 Alfonso Sánchez Beato, Industrial, Barcelona.
88 Enrique Rinck, Químico, Sarriá (Barcelona).
89 Excmo. Sr. D. Andrés Martínez Vargas, Médico, Rector de la Universidad de Barcelona.
90 Pedro Mayol Aymerich, ex Presidente del Grupo Esperantista «Auroro», Barcelona.
91 Excma. Diputación Provincial de Barcelona.
92 Joaquín Giménez Suárez, Militar, Barcelona.
93 Antonio Fábregas Gili, Industrial, Barcelona.
94 M. Palau Botella, Industrial, Barcelona.
95 J. Segura Riera, Farmacéutico, Barcelona.
96 Juan L. Pujol y Font, Abogado, Barcelona.
97 Excmo. Ayuntamiento de Reus (Tarragona).
98 Grupo Esperantista «Amikeco», de Manlleu (Barcelona).
99 Juan Ratti y Pays, Ingeniero, Barcelona.
100 Excmo. Ayuntamiento de Barcelona.
101 Cesáreo Martínez Conde, Notario, Barcelona.
102 Faustino M. Díaz, del Comercio, Barcelona.
103 José Sitjas Furriol, Abogado, Barcelona.
104 Liga de Defensa Industrial y Comercial, de Barcelona.
105 Rdo. D. Claudio Planell Argemí, ex Profesor de los Cursos de Esperanto de la Universidad de Barcelona.
106 Vicente Gual Jaurés, Industrial y del Comercio, Barcelona.
107 Dr. D. José Masriera Guardiola, Médico, Barcelona.
108 Iltre. Ayuntamiento de Sitges (Barcelona).
109 Luis Pomar Prunell, del Comercio, Barcelona.
110 Bartolomé Amigó Farreras, del Comercio, Barcelona.
111 Antonio Ribas, Presbítero, Vich (Barcelona).
112 Calixto Sabaté Llop, Contador de Fondos Municipales del Ayuntamiento de Barcelona.
113 Iltre. Ayuntamiento de Tarrasa (Barcelona).
114 Juan Solé Granell, del Comercio, Tarragona.
115 Pablo Vila San Juan, Abogado, Barcelona.
116 Iltre. Ayuntamiento de Gandesa (Tarragona).
117 Raimundo de Dalmáu Domingo, Abogado-Procurador, Barcelona.
118 Manuel Prat Güell, Fabricante, Bañolas (Gerona).

(Se continuará en el número próximo).

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta korespondi aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj impresaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

**Comité Central Internacional del movimiento esperantista**

12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-Schl.

*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.

*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.

*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L'Isle, 35, rue Sommerard, París, V.

*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s' Gravenhage.

**Konsilantoj**

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.

*Ameriko:* E. Legrand, Montevideo.

**Administrado**

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.

*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

## HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

**(Asociación Esperantista Española)**

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.

*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral. A. Madrid.

*Tesorero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.°, Madrid (10).

## FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, núm. 23, Ateneo, Valencia.*